FONDITA en 1908 - TRIA SERIO

31ª Jaro - Nº 222 - NOV. 1963

REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

# PARIS

Le 56ème CONGRES NATIONAL d'ESPERANTO aura lieu à PARIS, du 16 au 18 mai prochain.

Cette décision a été prise à Perpignan pour répondre à l'aimable invitation formulée par la FOIRE DE PARIS, qui met à notre disposition à cet effet la Salle du Palais des Congrès et participera à certains détails du programme.

Le Comité Local d'Organisation (LKK) dont le professeur WARINGHIEN a bien voulu accepter la présidence, s'est déjà réuni plusieurs fois en séances de travail sous la présidence effective de M. J.GUILLAUME, président de la Fédération Parisienne des Centres Culturels "Esperanto".

Il est indispensable que ce Congrès - le premier depuis plusieurs décennies à se tenir à Paris - revête une importance exceptionnelle. Il faut que les résultats dont il sera fait mention dans les rapports montrent un renforcement considérable du mouvement en France.

Pour atteindre ce but, le mot d'ordre de tous les groupes, de tous les Membres Actifs actuels de U.F.E. doit être: DOUBLER LES EFFECTIFS.

Que chacun d'entre nous fasse l'effort nécessaire pour amener UN nouveau membre, en pensant que le NOMBRE - aussi - fait la Force.

Le prochain numéro de la Revue, avec le bulletin d' adhésion au Congrès, vous en donnera le programme détaillé.

Nous pouvons quand même annoncer dès maintenant qu' un "Concours d'Orateurs" ouvert aux jeunes aura lieu et qu' une promenade de nuit en bateau-mouche, sur la Seine, clôturera la journée de travail du dimanche 17 mai.

Cette date n'est plus très lointaine; que tous nos efforts fassent du 56 - ème CONGRES NATIONAL D'ESPERANTO un nouveau SUCCES.

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Jean THIERRY** UFE 34 rue de Chabrol - PARIS ( 10 ème )
Téléphone : PRO. 55-03
Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.

oooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxoooxooo

E N H A V O


PARIS .. .. .. .. .. p. 121

49a Universala Kongreso .. p. 123

56a Nacia Kongreso .. .. p. 123

19a T.E.J.O. Kongreso .. .. p. 124

Unua S.T.E.L.O.-semajno. .. p. 124

RECENZOJ:

Zamenhof, de M.Boulton .. p. 125

Feliĉigaj Ferioj .. .. p. 126

Fabeloj de Andersen .. p. 126

Logiko de Martinus .. .. p. 127

Vivo de la Grupoj .. .. .. p. 128

Geonkloj Esperantistaj . .. p. 129

Niaj ĉarmaj Kunulinoj .. .. p. 130

NIA FELIOTONO:
Piku! Piku! Kamarado! .. p. 131


D O N A C O J

Bonfaraj Membroj

S-roj PARISSOT
BERNARD Roger
PLOUSSU

Donacintoj

S-ino SANTREUIL .. .. .. F. 1,50
S-roj BLANC .. .. .. .. F. 33,50
SERRE .. .. .. .. F. 1,00
Anonimulo .. .. .. .. F. 8,00

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Broŝuro pri la "Delta Plano" estas havebla ĉe la Nederlanda Ambasadejo. Petu ĝin esperantlingve, 11 rue de Constantine - PARIS VII -




## 49a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

HAGO -1-8.VIII-1964

kies alta protektantino estas ŝia Moŝto JULIANA, reĝino de Nederlando.

Krom la kutimaj eroj de la universalaj kongresoj, ekskursoj okazos i. a. al Amsterdamo, Roterdamo, al la regiono de la novaj polderoj (sekigita Suda Maro), al la Delto - Verkoj (projektitaj post la akvokatastrofo de 1953) ktp. Multaj famaj, pentrindaj kaj interesaj lokoj estos vizitataj.

KOTIZOJ: Ĝis la 31a de decembro, la kotizoj estas jenaj:

| | |
|---|---|
| Kongresano.................. | F. 63,oo |
| Edz(in)o de Kongresano..... | F. 31,50 |
| Junul(in)o ĝis 20 jaroj.... | F. 24,oo |
| Gestudentoj (20-30 jaroj).. | F. 40,oo |
| Blindul(in)o............... | F. 32,oo |

La individuaj membroj de U.E.A. rajtas rabaton de 7 F.; edz(in)o de membro rajtas rabaton de 3 F 50.

Loĝado - La prezoj por tranokto estas de 9F ĝis 45F. Normala, simpla manĝo kostas 6F.
Ĉar Hago estas grandega turista centro, estos necese eksterordinare frue rezervi loĝejon. LKK povos garantii litojn NUR ĝis la 1 de aprilo
La dua Bulteno do aperos pli frue ol kutime pro tio.

Statistiko - Je la 13-a de septembro 547 personoj aliĝis al la Kongreso (pasintjare: 150). Inter ili estas 27 francoj.

## 56-a NACIA KONGRESO DE ESPERANTO

PARIS - 16-18.V.1964

Loka Kongresa Komitato:

| | |
|---|---|
| Prezidanto: | Prof. Waringhien |
| Vic-prezidantoj: | S-ino Bodard |
| | S-roj Guillaume |
| | Poly |
| Sekretariino: | F-ino Suchareau |
| Kasisto: | S-ro Rousseau J.A. |

Kotizoj

ĝis la 31-1-1964. . . . . . .F. 7,oo

post tiu dato . . . . . . . . .F.10,oo

Oni sendu la monon al

Crédit Industriel & Commercial
(C.C.P. PARIS N°4) por :

56-ème Congrès National d' Esperanto
(Compte: Centrale 27320)

Donacoj: Aranĝo de kongreso estas multekosta afero. Helpu per via donaco sukcesigi ĝin. La L.K.K. anticipe dankas al vi

---

## F. F. E. A.

(Franca Fervojista Esperanto Asocio) invitas vin ĉeesti la Distran Parton de sia ĝenerala kunveno, kiu okazos

la 1-an de Decembro 1963

je la 14 h

en la Norda Stacidomo de Parizo,
I8, rue de Dunkerque

(Senpaga eniro)

# TEJO

Dum tuta semajno, ni kvincentope vivis je la sama ritmo. Plej multaj loĝis komune en klasĉambroj de la sama lernejo. Komune ni manĝis, kutime en la subtera restoracio de la urba teatro, nia kongresejo. Multnombre ni dancis en plej diversaj lokoj, eĉ kun propra muzikistaro..

Ĉion raportitan vi devas kvincent-obligi; tiel, se vi aŭdas pri ekskurso aŭ nur elireto el la urbo, vi tuj imagu dek kvin sinsekvantajn aŭtobusojn; aŭ, se oni ricevis glaciaĵon sur Insulo Esperanto, kalkulu je tuthora disdonado...

La kongresan ritmon eniris kvazaŭ la tuta urbo VRACA. Ĉie flagoj, afiŝoj, plej diversaj sciigoj esperantaj kaj bulgarlingvaj anoncis al la urbanoj kaj kongresanoj, ke okazas io grava.

Multaj neesperantistoj klopodis konatiĝi kun ni per franca lingvo aŭ alia. Oni aranĝis diversajn renkontojn en fabrikoj, ktp...

La kongreso prezentis koncerton speciale al la ekstera publiko. Reciproke la Urba Opero, ekzemple, donacis al ni prezenton de "La Bohême"

Lunde vespere, dum "mitingo" pluraj miloj da homoj aŭskultis diverslandajn esperantistojn; post ĝi, oni oficiale akceptis kongresanojn interalie ĉiujn francojn. Ĉion priraportis detale loka gazeto. Kun videbla grandiĝanta simpatio, la urbestro L. JANĈEV nin helpis, kaj ofte vizitis. Ŝtona memortabulo restos.

Ankaŭ plurajn aliajn lokojn nia paso vivigis dum kelkaj horoj: la banloko Insulo Esperanto ĉe Danubo, la groto Ledenika, la vilaĝo TRNVA.

Duonpaĝo ne sufiĉas eĉ por mencii distraĵojn kaj seriozaĵojn (oratora konkurso, tri ĝentiloplenaj debatoj pri politikaj demandoj, elektoj de "Fraŭlino Esperanto"...) nek por raporti pri la impona malfermo en ĉeesto de la honorprotektanta ministro nek.. Restu tiu impreso pri gaja kaj grava semajno, kiun rememoros plezure kaj la partoprenintoj kaj anjaŭ la tieaj loĝantoj.

## 19-a INTERNACIA JUNULARA ESPERANTO - KONGRESO

==xx==xx==xx==xx==xx==xx==xx==xx==xx

## UNUA S.T.E.L.O.-Semajno en PRIMOŜTEN

Kun sukceso okazis ĉe la bone konata internacia tendumejo en Primoŝten la unua Semajno de Studenta Tutmonda Esperantista Ligo, de la 14-a ĝis la 21-a de Aŭgusto 1963a. Pli ol kvindek gestudentoj el tri kontinentoj aŭdis prelegojn de R. Skalinski, (Pollando), prezidanto de STELO, kaj Lars OLSSON (Svedlando), pri ĝisnuna kaj estonta agado de la Ligo, de Ivo OSIBOV pri la "sistemo de studado en Jugoslavio" kaj de M. ZUPANIC pri la Studentoj kaj Internacia Kunlaborado Post ĉiu prelego ili vigle debatis.

Krome, ili ekskursis al Insulo de Amo k a j al la belegaj akvofaloj de KRKA, diversmaniere tre multe amuziĝis, sin banadis.. kaj entute ĝojis ripozi post la bulgaraj kongresoj.

Menciinda estas la partopreno de du japanaj junuloj, kiuj poste venis ankaŭ al Franclando.

STELO estas studenta sekcio de I.S.A.E. kaj kunlaboranta asocio de U.E.A. Francaj studentoj ankoraŭ ne aliĝintaj sin turnu al:

F. SIMONNET
16, rue Dohis
Vincennes (Seine)

ZAMENHOF de M.BOULTON: Pli Ol Biografio

# RECENZOJ

Kvankam la VIVO DE ZAMENHOF de E. PRIVAT, nepre restos - pro la personeco k a j stilo de ĝia aùtoro - sur honora loko en n i a literaturo, l a libro de M. Boulton, reverkita laù ŝia samtema anglalingva libro aperinta en 1960, estas certe la p l e j bona el la ĝisnunaj provoj pri biografio de la kreinto de Esperanto(1)

Al la ĝisnune de ĉiuj konataj faktoj el la vivo de Zamenhof, M. Boulton aldonas amason da detaloj dise publikigitaj dum la lastaj jaroj (2) En tiu ĉi libro parolas la Historio, eĉ kiam - neeviteble, k a j feliĉe - oni sentas ankaù la personecon kaj personaj reagoj de la aùtorino.

Se la personeco de Zamenhof estas kiel kutime - sed prave! - idealigita, multaj detaloj kaj anekdotoj montras la homan flankon de la Majstro. M.Boulton eĉ tre insistas pri la fizika malforteco, malsanemo k. impresemo de Zamenhof. Sed tio despli reliefigas la moralan personecon de la aùtoro de Esperanto. Li efektive estis, laù la vorto (indigna) de Bourlet "juda profeto".Ignori ke la etikaj konsideroj ludis en la agado de Zamenhof la unuan rolon, tio signifus nenion kompreni el lia vivo kaj verko.

Tial M.Boulton bone reliefigas la triŝtupan skalon de la Zamenhofa filozofio: la lingvo, uzebla de ĉiu ajn por kiu ajn celo, la interna ideo, realigenda en la organizita Esperanto-movado, kaj supre, la homaranismo. Al tiu mistiko de Zamenhof kontraùstaris la sinteno de preskaù ĉiuj francaj gvidantoj, por kiuj Esperanto estis verŝajne nenio alia, ol tre utila eltrovaĵo, simila al la tiam naskiĝantaj aùtomobilo kaj aviadilo.(Oni legu la interesan konfeson de De Beaufront sur p. 133a). La malbonodora etoso de la fama "franca periodo", riĉa je personaj kvereloj kaj friponaĵoj ĉiuspecaj, estas bone priskribita de M. Boulton, kiu donas interesan analizon de la personecoj kaj roloj de De Beaufront kaj Couturat (la ĉapitron "Perfido" oni legas kiel detektivromanon!) lasante tamen propravole certajn faktojn en kaŝiteco. Ŝi eĉ provas psikoanalizan klarigon kaj de la konduto de la pseùdo markizo kaj de la reformismemo ĝenerale. Kaj la epizodo de la "Delegacio" bone montras, kiel naive kaj danĝere estus konfidi la sorton de nia lingvo al neesperantista aùtoritato.

M. Boulton prave aludas multajn politikajn okazaĵojn de tiu epoko: studentaj manifestacioj en Peterburgo (en kiuj partoprenis la juna Zamenhof), rusa revolucio de 1905, cionista movado (en kiu komence aktivis Zamenhof), ruslandaj pogromoj, sekvoj de la Dreyfus-afero (Bourlet kaj De Beaufront estis kontraùdreyfusanoj!), koloniisma milito de Hispanujo en Nord-Afriko, kaj ribelo de la kataluna popolo (la murdo de F. Ferrer fare de armea tribunalaĉo koincidis kun la Barcelona Kongreso en 1909). Pli poste, en la rilatoj de la esperantismo kun la politikaj aùtoritatoj, oni vidas kiel la naciismoj kaj subpremantoj ĉiuspecaj komprenis la revolucian karakteron de la Internacia Lingvo pli bone, ol multaj esperantistoj. Tiu hungara policestro, kiu deklaris, ke "estas malpermesite, ke laboristoj lernu lingvon, kiun ne komprenus la labordonantoj", estis certe pli klarvida ol la "neùtralaj" esperantistoj. La fino de la libro estas kvazaù martirlibro de la Esperanto-movado: de A. Zamenhof, memmortiginta sin por ne partopreni en la milito, de la deksep japanaj esperantistoj pendigitaj kiel anarkiistoj, ĝis, proksime de ni, la amasa persekutado fare de hitlerismo kaj stalinismo kaj la preskaù kompleta neniigo de la Zamenhoffamilio.

Kiel oni vidas, la libro de Marj. Boulton estas pli ol riĉe dokumentita biografio de Zamenhof; ĝi estas historio pri la fonto d e nia Movado kaj atesto pri ties vera signifo.

Michel DUC.GONINAZ

(1) Marjorie BOULTON: ZAMENHOF aùtoro de Esperanto - kovrilo de D.H YOUNG - STAFETO - Movado 3 - J.REGULO, eldonisto, La Laguna, Kanariaj Insuloj, 1962. 22 x 15,5 cm - 294 p. (268 teksto plus 26 bildoj). Prezo: broŝ.: 15 F. tolbindita: 19 F.

(2) Oni memoru interalie la gravegan materialon liveritan per la publikigo de la "Leteroj de Zamenhof", kaj la artikolojn aperintajn en la "Nica Literatura Revuo" kaj aliloke, okaze de la Zamenhof-Jaro 1959.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

**FELIĈIGAJ FERIOJ** - Bildlibro pri la esperanto -golfo Primoŝteno, de H. Kraus - Eldoninto: Turisma Societo de Primoŝteno (Jug.) kunlabore kun la Astronomia Observatorio de la Kroata Naturscienca Societo. Multaj fotoj. Prezo: F. 3.50

Ĉi tiu libreto prezentas al la esperantistaro la internacian esperanto-kampadejon "Primoŝteno". Malnova vilaĝo de Dalmatio, Primoŝteno situas sur duoninsulo ĉe la adriatika maro.

Proksime, sur alia duoninsulo, t r a n s la "esperanto - golfo"internacia tendaro troviĝas, kie samideanoj el diversaj landoj libertempas sub la bonodoraj pinarboj. La kampadejo estas bone ekipita per moderna restoracio kaj modelaj sanitaraj instalaĵoj. La distraĵoj estas multnombraj: bonega banstrando, fiŝkaptado, esplorejo por amatoraj subakvigistoj kaj unika allogaĵo en turista centro: vesperaj lecionoj pri astronomio kun teleskopa observado!

Nenia dubo ke tiu paradiza feriejo bone propagandas por nia movado, ĉar ĝi atestas pri la realeco,la taŭgeco k. uzindeco de Esperanto.

L E G R E E

x x x x x x x

**FABELOJ de H.C.ANDERSEN** - 4a volumo, en traduko de D-ro L. Zamenhof - 53 originalaj ilustraĵoj de Uniechowska - Eldonis: Heroldo de Esperanto - 244 paĝoj - Prezo: F. I5,-

La tutan verkon de H. C. ANDERSEN "Fabeloj por Infanoj" tradukis D-ro Zamenhof, sed nur la tri unuaj volumoj estis ĝis nun eldonitaj. Heroldo de Esperanto ĵus plenigis tiun mankon per tiu ĉi kvara kaj lasta volumo.

Ni supozas ke baldaù sekvos nova eldono de la unua volumo, ĉar en ĝi troviĝas speciala rabatkupono je la valoro de 4 steloj por aĉeto de la represota unua volumo de la Fabeloj.

Ni esperu ke ankaù la dua k. tria aperos poste en ĉi tiu serio, ĉar la kvara nun eldonita volumo estas tre bone prezentita, kun belega kovrilo, bona papero kaj precipe kun multaj desegnaĵoj.

El la tuta verkaro de Andersen, ĉefe la "Fabeloj" tradukitaj en ĉiujn lingvojn famiĝis lian nomon. Li skribis ĉi tiujn fabelojn por la infanoj, sed fakte pluraj el la rakontoj ofte malĝojaj kaj eĉ amaraj, povas esti bone ŝatataj nur de la plenkreskuloj.

Ĉi tiu verko, kiun Zamenhof iam tradukis, sed neniam eldonis, mankis en nia literaturo. Ĉiuj samideanoj fieros loki ĝin en sia biblioteko.

L E G R É E

LOGIKO - de Martinus - eldonita de Martinus-Instituto, Kopenhago 1962 - Traduko de Schleicher - kontrolita de la literatura komitato de S.A.T. - Bindita - 210 paĝoj.

MARTINUS, la dana pensulo asertas ke estas eble solvi la misteron pri la vivo, tial li elpensis racian mondkoncepton, kiu laŭ lia opinio, konformiĝas al la esenco de la religioj kaj al la rezultoj de la fizika scienco.

Martinus prezentas sian propran mondkoncepton en granda verkaro el kiu ĉefverko estas "Livets Bog" (La Libro de la Vivo). Kelkaj el liaj verkoj estas esperanten tradukitaj.

En la nuna libro "LOGIKO", li al ni pruvas ke la kreo de la homo estas fakte nur ŝanĝiĝo de antaŭa stadio. Origine estis nur minerala regno; el tiu materialo ekestis besta regno, kiu transformiĝis en besta homaro, kaj la homo tra pli kaj pli altaj ŝtupoj de la evoluo fariĝas - aŭ pli ĝuste fariĝos - (la sepan tagon laŭ la Biblio) la kore puran homon en la ĉiela regno. Kaj MARTINUS klarigas tiujn metamorfozojn p e r kvazaŭa reenkarniĝo de la vivaj estuloj...

Certe la "logiko" de Martinus ne ĉiujn konvinkos, sed tamen ĉi tiu libro meritas enlokiĝi en niaj bibliotekoj ĉar...la esperanto-traduko de Schleicher estas tre bona, ankaŭ same la presado, la kvalito de la papero kaj la beleco de la kovrilo.

LEGREE

oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

La kasisto memorigas al ĉiuj membroj ke - por transpagoj alilanden - estas necese aldoni 3% al la sumoj por la bankkostoj. Escepto estas nur por la kotizoj kaj abonoj.

## SUKCESOJ

Kun plezuro ni eksciis pri la sukceso de Prof. DUC - GONINAZ, kiu ricevis la 2an premion en la kategorio Originala prozo de la Belarta Konkurso de U.E.A. 1963, pro "La mirinda urbo"

Krome, en la Oratora Konkurso de la 19-a Internacia Junulara Kongreso en VRACA, ankaŭ la duan premion ricevis Francisko SIMONNET, el Vincennes, parolinte pri la temo "Kion fari por ne vane ellerni Esperanton".

Niaj gratuloj iras al ambaŭ.

==================================

Ekde novembro 1963 stariĝos en Orléans, Esperantista Grupo ĉe la Usonaj soldatoj de la "U.S. Army Communication zone - Orléans Area Command".

Oni organizos kurson kaj kunvenoj okazos ĉiusemajne en la loka Centro de la Usona Ruĝa Kruco.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxo

## CELEBRADO de la 15-Jara DATREVENO DE LA UNIVERSALA DEKLARACIO

La vendredon 13-an de decembro, la Pariza Grupo memorigos en sia kunvenejo "Ville de Reims" la datrevenon de la Universala Deklaracio pri Homaj Rajtoj.

Estas ĉefe akcentinde, ke ĉi tiu deklaracio ne restu nuraj vortoj kaj tiucele ĉiu almenaŭ konu la tekston kiu ekzistas esperantlingve.

ooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxoox

Novembro = Kotizoj = Novembro = Kotizoj = Novembro = Kotizoj = Novembro= Kotizoj = Novembro = Kotizoj = Novem

# VIVA DE LA GRUPAJ !

L Y O N - De post la 4-a de septembro, la grupo denove kunveniĝas kaj faras propagandon per tre interesaj kaj taŭgaj flugfolioj.

100 personoj partoprenis kunvenon dum kiu S-ino C. DREVET parolis pri Bulgario. La 20-an de oktobro, F-ino MOREAU faris raporton pri sia partopreno en la Internacia Semajno en Svisujo.

MARSEILLE - Tri kursoj de Esperanto (unuagrada, duagrada kaj perfektiga) okazas ĉiu merkrede je la 18 h 30 en la porknabina lernejo 119 rue d'Aubagne en Marseille.

Vojaĝstipendio kaj senpaga restado en la Esperantista KulturDomo en Grésillon estos la premioj disdonotaj ĉe la fino de la kursoj al la plej bonaj gelernantoj.

## PORESPERANTA AGADO EN MONTALIVET

Ankaŭ en tiu ĉi jaro, la esperanatistoj-naturistoj laboris en la naturista libertempejo ĉe Montalivet, cele al disvastigo de Esperanto.

Dank'al afabla permeso de la Sunmara Centrestro, ĉiu vizitanto ricevis kun la kutimaj informiloj ankaŭ flugfolion kun bonvenigaj salutvortoj kaj informoj pri esperanto-kurso (en la lingvoj angla, franca, germana). Oni invitis la interesulojn enskribiĝi en la "Adresaro de Esperanto Amikoj" je dispono de la publiko en la akceptejo. Teksto en esperanto - intencita por esperantistoj - permesis al legantoj provi traduki la internacian lingvon.

23 nomoj aperis, inter ili,11 esperantistoj. Ni plezure konstatis ke lernintinoj de la antaŭa jaro montris laŭdindan progreson. La novaj lernantoj de la nuna somero vidigis seriozan intereson (inter ili troviĝis Doktoro pri Lingvoj en Kalifornia Universitato).

Internacia esperantista renkonto okazos en la sama centro dum la venonta somero.

Michel MASSEMIN

N I M E S - S-roj DEGUĈI kaj UMEDA - delegitoj de la urbestro de AJADE, unua mondigita urbo en Japanujo estis akceptitaj de la urbestraro la 28an de sept.1963.

Ges-roj VOLPELIERE agis kiel interpretistoj inter ili kaj S-roj ROGER kaj PALLIER, reprezentantoj de la urbestraro.

TOURCOING - Post partopreno ĉe la "Eŭropaj Tagoj", la esperanta klubo prezentis filatelajn dokumentojn kaj korespondaĵojn el 85 landoj, dum ekspozicio okazinta de la 12a ĝis la 20a de oktobro. Krome, niaj esperantistoj-filatelistoj kunlaboros al la "Tago de la Poŝtmarko" (14-15 marto 1964).

## I N T E R G R U P A  K O N K U R S O

Ni devas konstati, ke nia jara konkurso 1963 tre malmulte interesis niajn grupojn. Nur tri el ili respondis al nia demandaro.

La plej brila venis de D° Albault por la grupo de Toulouse, kiu duobligis la nombron de siaj membroj.

La dua estis de S-ro CUGNY por la grupo de Dijon, kiu tre bone laboris sur ĉiuj kampoj.

Fine, S-ino Vincent, kiu sola laboras en la urbeto Les Andelys kaj havis bonajn rezultojn, ĉefe ĉe la instruado. Ŝi estas bonega ekzemplo por nia propagando.

Estis decidite ke la unua premio estos semajna restado por unu persono en la Kulturdomo de Grésillon sed D-ro Albault donacis la koncernan sumon al nia nacia asocio. La du aliaj grupoj ricevos librojn.

Ni faros novan provon en 1964 kaj ni esperu pli gravan sukceson ĉe la partoprenontoj.

-oo-

## FRANCA ESPERANTO - INSTITUTO

Prof. WARINGHIEN, fariĝinta ĉi-jare Prezidanto de la Esperanta Akademio, pro troa okupiteco, la prezidantecon de la Franca Esperanto-Instituto forlasis.

Li proponis anstataŭe Sron Michel DUC - GONINAZ, agregacian profesoron pri la rusa lingvo. Tiucela balotado okazis inter la 12 membroj de F.E.I.

Prof. M. DUC.GONINAZ estis elektita per 11 voĉoj kaj 1 sindeteno.

Prof.Waringhien plu restas membro de F.E.I.

eeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeeee



DAVIDEK Karel - Peldrimov 119 - el Ĉeĥoslovakio, deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn, alumetetikedoj, k.t.p. ...

DOLĈINKOV Ĥristo, Str. D. Ivanov en Tirnovo (Bulgarujo) serĉas gekorespondantojn por siaj gelernantoj (geliceanoj 12-16 jaraĝaj).

## A L V O K O

Por helpi al la eldono de la tre bezonata rus - esperanta vortaro de prof. BOKAREV, en Moskvo, estas necese antaŭkoni la nombron da interesatoj pri tiu verko. (i.a. fizikistoj, matematikistoj, biologoj, kuracistoj ktp...). La fakto, ke tiu vortaro estas ankaŭ bezonata eksterlande, servos kiel argumento plirapidanta la eldonon pro ekonomia vidpunkto.

Sin turni al S-ro E. JASIEWICZ, ul. Okrag 2 m. 45-a VARSOVIO (Pol.)

nnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnn

## GEONKLOJ ESPERANTISTAJ

Tio estas skemo por helpi junajn esperantistojn per kunligado k u n plenaĝuloj. La lernado de Esperanto, aparte ĉe la infanoj, nepre postulas postan uzadon, kaj la plej oportuna rimedo por praktika uzado estas internacia korespondado. Sed ofte la infanoj havas nesufiĉan sperton por daŭre korespondi kun samaĝuloj.

La sistemo postulas liston de Geonkloj servopretaj, el multaj landoj, tiel, ke kiam infano sendas peton, ni povos tuj kontentigi lin aŭ ŝin.

La Devoj de la Geonkloj estas:

a) korespondi kun la geinfanoj kaj amikiĝi kun ili;
b) gvidi ilin lingve, sed delikate, por ke la korespondado ne fariĝu kvazaŭ hejmtasko de la lernejo;
c) teni ilian intereson pri Esperanto kaptante okazojn montri ĝian internaciecon;
ĉ) memori festo-tagojn, sendante taŭgan donaceton je tiaj okazoj.

La administracio volonte aŭdos de gesamideanoj pretaj partopreni ĉi tiun tre gravan, kaj ambaŭdirekte feliĉigan servon. Sin turni al: S-ro SULLIVAN 3 Berwick Av. Urmston -Manchester (Britujo)

**Presita entute en Esperanto**




**Daily Mail**

## BILD-LIBRO PRI BESTOJ

Ĉi tiu belega verko rakontas, sur 80 allogaj paĝoj, la historion pri la bestoj de la mondo. Troviĝas pli ol 400 bildoj—ĉiuj en naturaj koloroj—inkluzive de goriloj de Kongo, tigroj de tropika Afriko, birdoj de Sud-Ameriko kaj fiŝoj el inter la koralrifoj de la Ruĝa Maro. Priskriba teksto estas verkita de sperta zoologo.

Ĉi tiu estas grandformata libro 32½ x 26 cm. Unuaklasa donaclibro.

PREZO 12 F




## AMUZO PER SCIENCO

Geknaboj Kristino, Bario kaj Stefano klarigas al vi kiel, en la propra hejmo, ili efektivigas simplajn mistifikaĵojn laŭ sciencaj principoj. Ili produktas artefaritan pluvon, pruvas, ke varmega akvo suprencirkulas, fabrikas "nevideblan" inkon kaj 3-dimensian vidaparaton. Jen 96 paĝoj, plene ilustritaj, sur kiuj troviĝas pli ol 70 eksperimentoj por vin amuzi kaj samtempe instrui.
Grandeco
25 x 19 cm.

PREZO 6 F

oxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

La Fédération Internationale d'Accordéon a décidé d'adopter comme langue officielle l'Espéranto et de la substituer graduellement au français et à l'allemand dans son bulletin. La résolution présentée par le président de l'organisation Pr. Werner Einfeld, a été adoptée à l'unanimité.

d'après "Amerika Esperantisto"
n° de sept.-octobre 1963 p. 6

==================================

NIAJ ĈARMAJ KUNULINOJ
=====================

Usona amiko diris al mi:
-"Vi sendube scias, ke en Usono, la virinoj posedas pli ol la duono de ĉiuj riĉaĵoj: la plimulto de la akciuloj de ĉiuj firmaoj estas virinoj kaj tiu virina supereco daŭre kreskadas!

- Kiel do tio okazis?

- Tre simple! Virino sorĉe logas bonpozicia n edzon... kaj postvivas lin...Ni enamiĝas al ĉarma junulino, ni realigas nian revon, edziĝante kun ŝi. Dum nia vivo, nia tuta enspezo fluadas en ŝiajn manetojn; se tamen ni sukcesas savi ion, ŝi heredas tiun restaĵon kiam ni mortas.... kio okazas frue...!

Mi ne kuraĝas aserti ke niaj ĉarmaj edzinetoj mortigas nin... sed la statistikoj pruvas ke la malfortaj virinoj postvivas siajn fortikajn kunulojn dum longaj jaroj...

Do, tiel estas! kaj eble vi kredas ke, sekve, la virinoj estras la usonan ekonomion?? Tute ne!! Ili povus kompreneble fari tion, sed ili ne estas tiel stultaj! Kial ili senutile laborus por akiri monon, dum sufiĉas al ili regi la virojn, la kuraĝajn naivulojn, por ricevi senpere ĉion, kion ili deziras: tiel ili venkis, kaj ili tute ne deziras ŝanĝi sistemon, kiu estas tiel profitdona por ili!

Ni do ne timu, ke la virinoj enmiksu sin en la borsajn aferojn! Ili daŭre lasos nin "stiri la barkon" se ni lasos ilin regi nin !!

F. CHARLEY

aaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaaa

Preparante la vojaĝon al TOKIO, tiuj kiuj deziras korespondi kun koreaj samideanoj, skribu per bele afrankita bildkarto al:
Korea Junula Esperanto - Asocio
S-ro Taekeng Kim, sekretario
132-9 Nam San-dong - TAGEU (Koreo)

## NIA FELIOTONO (1)

### PIKU! PIKU! KAMARADO!

Internacia kaj Intererinaca Dialogo
franca-jugoslava (verkita de R. IMBERT)

Jugerinaco: Saluton, franca kolego! Vivu!

Francerinaco: Dankon, mi vivos kun la permeso de mia hepato. Saluton! Ĉu via hepato, via stomako kaj via lango bone fartas?

J.- Vi ja scias ke Jugoslavoj hepaton ne havas, kaj ke pri sia stomako deca popolrespublikano ne rajtas paroli. Pri la lango, bone, dankon, ĝi estas preskaŭ tiel akra kiel franca lango, dank'al la vivado en nia lando de multaj specialigitaj metiistoj akrigistoj. Nu, bonvolu, eniru!

F.- Dankon. Mi eniras prudente, ĉar mi jam komprenis la rolon de tapiŝoj en la jugoslava ekonomio. Ili estas la plej grava aliancano de la medicinista korpuso, kaj regule liveras al ĝi klientojn, kiuj eĉ ne bezonante ĝian pluan helpon mortas en paco pro krania rompiĝo.

J.- Laŭ mia scio, en Francio, kuracistoj subskribis kontrakton de la sama speco kun vaksoglitaj pargetoj. Nu, sidiĝu!

F.- Jam mi kontraŭvole tion faris, malgraŭ ĉioma atento. Nu, mi tamen translokiĝos sur seĝon, sekvante vian afablan inviton. Ĉu vi bonvolas fermi la pordon?

J.- Pardonu, sed ĝi ne fermiĝas. Dum ĝia unua vivo, ĝi estis Metro-pordo en Parizo kaj ĝi tiom laciĝis ke..

F.- Pro tio verŝajne vi starigis duoblajn fenestrojn. Aŭ nur pro ĝentileco al blindetaj gastoj? Ĉu ne pli monŝpare doni al ĉiu lupeon?

J.- En Parizo ĝi certe ne helpus ĉar la suno enpenetras la loĝejojn proksimume ĉiun superjaron. Malgraŭ via genia divido de fenestroj al ses vitraĵoj de poŝtuka formato.

F.- Pardonu! mi soifas!

J.- Tuj vi ricevos kafon.

F.- Vi verŝajne miskomprenis min, mi ne diris, ke mi malsatas, sed ke mi soifas. Kafon mi pro principemo ne manĝas, kaj mi jam scias ke en Jugoslavio likva kafo ne ekzistas.

J.- Verŝajne pro tio ke la superfluan likvaĵon ni liveras al Francoj por ke ili povu fari sian kutiman ŝtrumpo-sukon. Nu, eble vi emos trin ki likvoron?

F.- Tiu ideo estas jam pli atentinda Mi scias ke likvoroj estas same multaj ĉe vi kiel politikaj partioj en Francio. Kaj nedubinde ili estas pli bonaj. Feliĉe ne ekzistas tia brando kia la via en Francio, aliel ni aŭdus pli ofte la sangajn vortojn de Marseljezo buĉitajn de nia kara dumetra ŝtatprezidanto!

J.- Kara franca amiko, ĉar ni jam ekkritikis la vivmanieron de niaj reciprokaj landoj, mi proponas ke ni daŭrigu la komparon en tiu sama bonhumora stilo.

F.- Plej volonte!Vi scias ja ke kritiko estas la ĉiutaga pano de civitano de la Kvina Franca Respubliko, same kiel ĝi estis tiu de la civitanoj de la kvar antaŭaj respublikoj, kaj ankaŭ estos tiu de la ne malpli indaj subuloj de la venontaj.

(sekvota)

# SERVICE DE LIBRAIRIE

## ETUDE et ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet Inconnu...... | 1,25 |
| Espéranto-Manuel ............. | 8,00 |
| Ni Parolu en Esperanto........ | 4,80 |
| Ludoviko en Nederlando........ | 11,00 |
| Esperanto fil d'Ariane........ | 12,50 |
| Plena Gramatiko (vol.I)....... | 12,00 |
| Lingvo kaj Vivo (bindita)..... | 20,00 |
| Lingvaj Respondoj ............ | 7,50 |

## DICTIONNAIRES

| | |
|---|---|
| Légers - Albault (F + E)...... | 20,50 |
| Waringhien (E + F)............ | 30,00 |
| Lexique Léger (E + F)......... | 5,40 |
| Naùlingva Leksikono........... | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto.... | 15,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,00 |

## HISTOIRE du MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto.......... | 6.50 |
| La Esperanto-Movado........... | 3,00 |
| La Internacia Lingvo.......... | 8,50 |
| Leteroj de Zamenhof (2 vol.).. | 20,00 |
| Originala Verkaro............. | 18,00 |
| Historio de la Lingvo Esp°.... | 8,50 |
| Vivo de Zamenhof (Privat)..... | 4,50 |
| Zamenhof (M.Boulton).......... | 19,00 |

## LITTERATURE

| | |
|---|---|
| Angla Antologio............... | 14,00 |
| Akbar (Brouwer)............... | 5,50 |
| Aventuroj de Marteno Drake.... | 4,50 |
| Bildlibro pri Bestoj ......... | 12,00 |
| Dana Antologio................ | 16,50 |
| Eroj (M.Boulton).............. | 12,50 |
| Esperanta Antologio (Poemoj).. | 21,50 |
| Fabeloj de Andersen........... | 15,00 |
| Fabiola................bindita | 12,00 |
| Ĝoja Podio (Schwartz)......... | 4,50 |
| Héros existentialistes........ | 2,00 |
| Invito al ĉielo............... | 4,50 |
| Kiel akvo de l'rivero......... | 15,00 |
| bindita.. | 19,00 |
| Malsata ŝtono (Tagore)........ | 15,00 |
| La Naùzo (Sartre/Bernard)..... | 20,00 |
| Normandaj Rakontoj............ | 17,00 |
| La Dia Komedio............. | 50,00 |
| Peer Gynt (Ibsen).......... | 11,20 |
| Reĝo Edipo, Antigono....... | 10,00 |
| La Revizoro (Gogol)........ | 4.50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy).. | 10,00 |
| Taglibro de Anne Frank..... | 11,50 |
| Topaze - ŝipego "Tenacity". | 10,00 |
| Tartarin de Taraskono...... | 7,00 |
| Virineto en Bluo........... | 3.30 |
| Vitralo (John Francis)..... | 6,00 |

## RELIGION et PHILOSOPHIE

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (Rostand) | 3.00 |
| Maksimoj de la Rochefoucauld | 2,00 |
| La Nova Testamento.......... | 3,00 |
| la Sankta Biblio............ | 10,00 |
| La Vivo de N.S.Jesuo (Dickens | 5,00 |

## GEOGRAPHIE et VOYAGES

| | |
|---|---|
| Aùstralio lando k. popolo.... | 3,50 |
| De Parizo al Lazura Marbordo. | 1,60 |
| Ekspedicio Kon-Tiki.......... | 18,50 |
| Kanako el Kananam............ | 11,00 |
| La Bela subtera Mondo........ | 10,00 |
| Nepalo malfermas la pordon... | 15,00 |
| Pariza gvidlibro ilustrita... | 3,00 |
| Ŝipestro rakontas............ | 8,50 |
| Tempesto super Akonkagvo..... | 11,00 |

## ARTS SCIENCES TECHNIQUES

| | |
|---|---|
| Atakoj kontaù ĝardenplantoj.. | 15,50 |
| Amuzo per Scienco............ | 6,00 |
| Retoriko (Lapenna)...bindita. | 16,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj.... | 7,50 |
| Vivo de la Plantoj........... | 11,50 |

## DISQUES

| | |
|---|---|
| Cours complet (6 disques plus (7 livrets..... | 80,00 |

Frais d'expédition et de poste:

20% jusqu'à 10 F. - 15% jusqu'à 20F. et 10% au - dessus. Les commandes sont à adresser avec les fonds à: U.F.E. 34 rue de Chabrol - PARIS 10°
C.C.P.PARIS 855-35

---

S.I.T.E.C. imprimeur 188 fbg St-Denis PARIS 10     Le Gérant: J.GUILLAUME.